2 Août 1908. 2a Augusto 1908. 91a NUMERO. 2n Augustus 1908.

6a JARO, 24a numero.




OFICIALA ORGANO DE LA « BELGA LIGO ESPERANTISTA » KAJ DE LA BELGAJ LIGAJ GRUPOJ.

Aliĝinta al la profesia Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.**

Affilié à l'Union professionnelle de la Presse Périodique Belge.

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten groepen.**

Aangesloten bij het Beroepsverbond der periodische Belgische drukpers.

DIREKCIO : Redakcio kaj Administracio,

53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.

**JARKOLEKTO : 6 FR.**

ENHAVO.



Presisto-eldonisto A.-J. WITTERYCK, Nouvelle Promenade, 4, Bruges.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## Ligue Espérantiste Belge. | Belgische Esperantische Bond.

### COMITÉ D'HONNEUR. EEREKOMITEIT.

MM. F. COCQ, Echevin de l'Instruction Publique, à Ixelles.
DUBOIS, Directeur de l'Institut Supérieur de Commerce d'Anvers.
le Dr GASTER, Directeur de l'Allgemeine Deutsche Schule, Anvers.
le Sénateur HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
le Frère ISIDORE, de l'Institut Royal des Aveugles, Bruxelles.
le Sénateur LAFONTAINE, Bruxelles.

MM. A. LECOINTE, Ingénieur en chef honoraire de la Marine Belge, Bruxelles.
le Général LEMAN directeur des études, command. l'Ecole Militaire, Bruxelles.
J. MASSAU, Professeur à l'Université de Gand.
MOURLON, Directeur du Service Géologique de Belgique, Bruxelles.
O. ORBAN, Professeur à l'Université de Liége.
ERNEST SOLVAY, Bruxelles.

### COMITÉ EXÉCUTIF. UITVOEREND KOMITEIT.

**Siége : BRUXELLES, RUE DE TEN BOSCH, 53.**

*Président* (Voorzitter) : M. le Commandant CH. LEMAIRE.
*Vice-présidents* (Ondervoorzitters) : MM. VAN DER BIEST-ANDELHOF et LUC. BLANJEAN.
*Secrétaire Général* (Algemeene Schrijver) : M. JOS. JAMIN.
*Trésorier* (Schatbewaarder) : M. J. COOX, Bruxelles.

### MEMBRES (LEDEN)

élus par l'assemblée générale (gekozen door de algemeene vergadering).

Melle E. LECOINTE, MMrs LUC. BLANJEAN, JOS. JAMIN, CH. LEMAIRE, M. SEYNAVE, RAYM. VAN MELCKEBEKE.

### DÉLÉGUÉS DES GROUPES (GROEPEN-AFGEVEERDIGDEN).

**Anvers** (*Antverpena Grupo Esperantista*). MM. A. VAN DER BIEST, VERMEULEN.
(*La Verda Stelo*). MM. J.-B. ISTACE, FR. SCHOOFS.
**Berchem** (*Berchema Grupo Esperantista*). MM. AUG. DE LA HAYE, HAVERMANS.
**Boom** (*Boma Grupo Esperantista*). Mr J. CLERBAUT.
**Bruges** (*Bruĝa Grupo Esperantista*). MM. VAN WEYENBERGH, A.-J. WITTERYCK.
**Bruxelles** (*Pioniro*). Melle A. GUILLIAUME, Mr O. CHALON.
**Charleroi** (*Karloreĝa Grupo Esperantista*). MM. L. DELVAUX, D. HEYNE.
**Huy** (*Grupo Esperantista*). Mr A. THIRY.
**Ixelles** (*Bonveno*) Melle C. SIMON. Lt M. CARDINAL,
**Laeken** (*La Semanto*). Mr H. CALAIS.
**Mariaburg** (*La Verda Flago*). Mr WILLEMSEN.
**Moresnet neutre** (*Amikejo*). Mr CH. SCHRIEWER.
**Spa** (*Esperanto*). Mlle TOMBEUR.
**Verviers** (*Esperanta Societo*). MM. ED. MATHIEU, H. PALMER.

*Membres de la Ligue.*

| | |
|---|---|
| Cotisation annuelle . . . . . . . . . fr. | 1.00 |
| Membres protecteurs (cotisation annuelle) fr. | 10.00 |
| Membres bienfaiteurs (cotisation annuelle) fr. | 25.00 |

N. B. — Les membres protecteurs et bienfaiteurs reçoivent gratuitement l'organe officiel de la Ligue.

*Bondsleden.*

| | |
|---|---|
| Jaarlijksche bijdrage . . . . . . . fr. | 1.00 |
| Beschermende leden (jaarlijksche bijdrage) fr. | 10.00 |
| Leden weldoeners (jaarlijksche bijdrage) fr. | 25.00 |

N. B. — De beschermende leden en de leden weldoeners ontvangen kosteloos het officiëel orgaan van den Bond.

2 Août 1908. 2a Aŭgusto 1908. 91a NUMERO. 2n Augusti 1908.
6a JARO, 24a numero.




DUONMONATA GAZETO ESPERANTISTA.
JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE Bi-Mensuel.
BELGISCH ESPERANTISCH BLAD verschijnende twee maal per maand

Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.

Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.

Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.

## POUR NOS LECTEURS.

Nous avons montré théoriquement que Esperanto pourrait être considérablement amélioré.

Il nous reste à le montrer expérimentalement; pour ce faire Belga Sonorilo emploiera dorénavant les 2 Esperantos, l'Esperanto intangible du Fundamento, et l'Esperanto mis au point par le comité de la Délégation.

Ainsi les hommes qui aiment, par dessus tout, la documentation expérimentale, pourront fixer plus nettement encore leurs idées.

En même temps les autres seront avertis à temps pour pouvoir se désabonner.

B. S.

### Por niaj legantoj.

Ni montris teorie ke Esperanto estas tre plibonigebla.

Tion ni montros nun eksperimente; por tio Belga Sonorilo de nun uzos la du « Esperantojn », t. e. la netuŝebla Esperanto de l' Fundamento kaj l' Esperanto simpligita kaj plibonigita de l' komitato de l' Delegacio.

Tiel la homoj kiuj ŝatas, super ĉio, la eksperimentan dokumentigon (!) povos precizigi ankaŭ plu siajn ideojn.

Samtempe la aliaj estos sciigitaj sufiĉe frue por ne plu reaboni.

B. S.

### Por nia lektanti.

Ni montris teorie ke Esperanto esas tre plubonigebla.

Ton ni montros nun experimente. Por to Belga Sonorilo de nun uzos la du « Esperanti », c. e. l' Esperanto simpligita e plubonigita da l' komitato di l' Delegacio.

Tale la homi qui prizas, super omno, la experimenta dokumentizo, povos precizigar anke plu sa idei.

Samtempe la ceteri informesos sat' frue por ne plu reabonar su.

B. S.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA.

Le 5 juillet dernier, le Comité de la Ligue Espérantiste belge était saisi par M. Champy, délégué d'Anvers, de la proposition de voir nommer une Académie internationale Espérantiste selon un vœu dont le texte longuement débattu fut arrêté par le comité; ce texte a été reproduit page 324 de Belga Sonorilo (nº du 19 juillet 1908).

Par lettre datée du 25 juillet 1908, l'ensemble des groupes d'Anvers et environs fait connaître, au Comité de la Ligue Espérantiste Belge, que le vœu en question a été rejeté à l'unanimité des comités de ces groupes.

***

Il appartiendra à la prochaine assemblée générale de la Ligue Espérantiste belge de trancher la situation résultant de cet étrange retrait, par les groupes Anversois, d'un vœu proposé par un de leurs délégués et appuyé par sept autres délégués anversois; seul M. Van der Biest prévint qu'il s'abstiendrait dans le vote du vœu dont nous redonnons ci-dessous le texte:

## BELGA LIGO ESPERANTISTA.

Je la 5ª de pasinta julio, la Komitato de la Belga Ligo Esperantista ricevis de Sro Champy, delegito el Antverpeno, proponon pri elekto de Internacia Esperantista Akademio; la teksto de tiu deziro, longdaŭre diskutita, estis redaktita de la Komitato; tiu teksto estas reproduktita sur la paĝo 324 de Belga Sonorilo (nº de la 19ª de Julio 1908ª).

Per letero datumita de la 25ª de Julio 1908ª, la aro de la grupoj el Antverpeno kaj ĉirkaŭaĵoj sciigas, al la Komitato de la Belga Ligo Esperantista, ke la difinita deziro estis unuanime neakceptita de la komitatoj de tiuj grupoj.

***

Rajte la proksima ĝenerala kunveno de la Belga Ligo Esperantista decidos pri la situacio naskiĝanta de tiu stranga regreso de la Antverpenaj grupoj pri deziro proponita de unu el iliaj delegitoj, kaj apogita de sep aliaj Antverpenaj delegitoj; nur Sro Van der Biest antaŭdiris ke li ne voĉdonos (jese aŭ nee) pri tiu deziro, de kiu ni rediras ĉi sube la tekston:

La Komitato de la Belga Ligo Esperantista, kunvenita en Bruselo la 5an de Julio 1908ª deklaras ke, en la nuna situacio, ŝajnas al ĝi ke estas tute necesa ke Internacia Esperantista Akademio, konstanta, de kiu la membroj estus nomitaj de la diversaj popoloj, estu kreita senprokraste, por solviĝi, laŭ la plej plena kaj la plej eble libera kompreno, ĉiun lingvan demandon.

La Komitato de la Belga Ligo opinias ke la membroj de tiu Akademio devus esti elektitaj en ĉiu lando, laŭ reguloj starigotaj de tiuj diversaj landoj aparte konsideritaj, kaj sendepedante de tio kio povus okazi en fremdlando.

Ŝajnas al la Komitato ke la nombro de la membroj de la proponita Akademio povus esti fiksita laŭ la plena nombro de la loĝantoj de ĉia lando kaj ke la sekvanta proporcio estas akceptinda:

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| de 1 ĝis 3 | milionoj | da loĝantoj: | 2 | delegitoj | | |
| de 3 ĝis 6 | » | » | » | 1 | plua | delegito |
| de 6 ĝis 12 | » | » | » | 1 | » | » |
| de 12 ĝis 24 | » | » | » | 1 | » | » |
| de 24 ĝis 48 | » | » | » | 1 | » | » |
| de 48 ĝis 96 | » | » | » | 1 | » | » |
| k. t. p. | | | | | | |

*Noto.* — Kompreneble la membroj de la nuna Lingva Komitato povas sin prezenti al la voĉdono de siaj samlandanoj.

## Notre sixième année.

Ce numéro-ci est le vingt-quatrième numéro de l'année courante et termine la sixième année de notre existence.

Nous avons annoncé au moins vingt deux numéros et nous en avons distribué vingt quatre; quelques-uns d'entre eux furent même de véritables numéros doubles.

Nous avons donc, avec satisfaction, rempli nos promesses, malgré les difficultés de toutes espèces que nous avons rencontrées sur notre route; La Belga Sonorilo, seule ou presque seule dans la presse de l'Esperanto, défendit le libre examen de toutes les questions et rejeta toute attitude ambiguë.

## Nia sesa jarkolekto.

Tiu ĉi numero estas la dudek kvara numero de la nuna jarkolekto kaj plenumigas la sesan jaron de nia ekzistado.

Ni anoncis almenaŭ dudek du numerojn kaj ni disdonis dudek kvar; eĉ kelkaj el ili estis veraj duoblaj numeroj.

Ni do, kontente, plenumis niajn promesojn, spite de la diversaj malfacilaĵoj kiujn ni renkontis sur nia vojo; La Belga Sonorilo, sola aŭ preskaŭ sola en la Esperanta gazetaro defendis la liberan esploron de ĉiuj demandoj kaj forjetis ĉian dubigan sintenadon.



Nous continuerons à suivre cette voie.

Nous donnerons régulièrement deux numéros par mois; s'il était nécessaire, le journal paraîtrait trois, même quatre fois le même mois.

Pendant septembre, premier mois de notre septième année, le journal ne paraîtra qu'une fois et rendra compte du Congrès de Dresde.

Nos abonnés, hors Belgique, voudront bien envoyer le coût de l'abonnement avant le 1er septembre; par suite des difficultés postales nous ne pouvons envoyer de quittances.

Les abonnés belges voudront bien également nous envoyer le coût de leur abonnement avant le 1er septembre; passé cette date, nous encaisserons par voie postale.

Nous rappelons encore à tous nos lecteurs, que nous désirons recevoir directement toutes les commandes; La Belga Sonorilo n'a ni représentants, ni agents.

Notre adresse est: 53, rue de Ten Bosch à Bruxelles.

La Direction.

Tiun vojon ni daŭrigos sekvi.

Ni regule eldonos du numerojn ĉiumonate; se estus necesa la ĵurnalo aperos tri, eĉ kvarfoje dum sama monato.

Dum septembro, unua monato de nia sepa jaro, la ĵurnalo aperos nur unufoje kaj raportos pri la Dresdena Kongreso.

Niaj abonantoj, ekster Belgujo, bonvolu sendi la pagon de la abono antaŭ la 1ª de Septembro; pro la poŝtaj malfacilaĵoj en diversaj landoj ni ne povas sendi kvitancojn.

La belgaj abonantoj bonvolu ankaŭ sendi la pagon de sia abono antaŭ la 1ª de Septembro; post tiu ĉi dato ni enkasigos poŝte.

Ni memoru ankoraŭ al ĉiuj, ke ni deziras ricevi rekte ĉiujn mendojn; La Belga Sonorilo havas nenian reprezentanton, nenian agenton.

Nia adreso estas: 53, rue de Ten Bosch, Bruxelles.

La Direkcio.

## NOVAJ ADRESOJ

Nuna adreso de
Komandanto Ch. Lemaire,
Cokaifagne les Belles Sources
lez Spa.
Belgique.

Alia ŝanĝo de adreso:
Sro Luc. Blanjean,
159, rue Louis Hap,
Etterbeek-Bruxelles.

## La Kvara Kongreso en Dresden.

La kvara Kongreso kunigos baldaŭ en Dresdeno grandan aron da samideanoj.

Al ĝi ni deziras sincere sukceson, sukceson kiu karakterizis ankaŭ la tri antaŭajn manifestojn en Boulogne s/Mer, Genève kaj Cambridge.

Ni kore esperas ke la Esperantistaro ŝatos la belajn festojn tiel bone preparitajn de niaj kuraĝaj germanaj amikoj; ankaŭ la Esperantistoj ne forgesos ke ili estas en lando, kie la ideo pri internacia lingvo renkontas specialajn malhelpojn; konsekvence niaj sambatalantoj germanaj multe meritas ĉar ili laboradis en neordinaraj kondiĉoj.

Ni ankaŭ esperas ke la ĝeneralaj kunvenoj dum la kongreso okazos pace kaj ke nenia decido, nenia voĉdono altrudos ion ajn al la nekongresanoj.

Dum la festoj en « Vereinshaus » la muroj de tiu vasta halo estos ornamitaj per la flagoj de ĉiuj nacioj. La tridek konsuloj, kiuj en Dresden riprezentas la diversajn naciojn, kore akceptis esti honoraj membroj de nia kongreso, kaj ĉiu pruntedonos al ni sian nacian standardon por dekoracii tiun salonon.

Dum la Kongreso la tramoj surhavos grandajn afiŝojn kun verdaj steloj, kaj dum la tuta kongresa semajno la kongresanoj povos uzi la tramojn senpage nur montrante sian kongresbileton.

Ĉiu Kongresano ricevos kongressignon, kiel donacon. La signo estas okangula metala plateto kiu montras vidaĵon de Dresden, vidita de la Elbe; ĉirkaŭe, modernstila kadro kun la verda stelo ĉe l' frontono.

Dum la Cambridge'a Kongreso nur estis unu esperantista policano; en Dresden sin jam trovas dudek-kvar, kiuj verdstelportante montras al la kongresanoj la direkton.

Pri la kongreso, la revuo Lingvo Internacia skribas:

« La tasko de nia Kvara Kongreso estos:
« Montri al la mondo, ke malgraŭ diskutoj, iafoje « iom tro akraj, ni ĉiuj tamen havas nur unu celon: « disvastigi *nian karan Zamenhofan lingvon;* montri « al la mondo, ke ĝi estas bela, plena, viva lingvo; « montri al la mondo, ke ĝi naskas gajecon, bon- « humoron kaj internacionan fratecon.
« Belega festo, harmonia, entuziasmoplena estos « nia Dresdena Kongreso. »

La tono estas trankvila.
Ĝi eble montras la intencon de niaj Parizaj amikoj.

Aliflanke, ĉu la redaktoroj de L. I. akceptas la artikolon « La Rabistoj » enlokigitan en du Parizaj revuoj: Paris-Esperanto kaj L'Etoile Espérantiste. La tono estas tute alia.

Niaj gelegantoj juĝu:
« De nun Esperanto havas siajn rabistojn.
« En la arbaroj proksimaj de la vojoj, kie pasas « nia triumfanta anaro, sin kaŝas bando da forkur- « intaj eks-esperantistoj, kiuj spionas nian marŝadon, « observas ĉu ne iu soldato izoliĝas, ĉiam pretaj « por nin dorse ataki.
« Sinjoroj rabistoj! Ne forgesu ke ĉiam kaj ĉie « viaj samnomuloj fine iris al la pendigilo.
« Atentu, atentu, ĉar tiu pendigilo eble jam « pretiĝas por vi en Dresdeno. »

Brrrrr.....
Afabla akcepto, ĝentila invito.
Tamen Esperanto naskas gajecon...

## Pri reformo de Esperanto.

(SEKVO).

*La adjektivo.* Laŭ la « Fundamento » ni diras: Birdoj flugas — Depreninte la ĉapelon, ili petis almozon — Bonaj patroj — Bonajn patrojn.

Se ni en la unua kaj dua frazo ne bezonas aldoni « -j » (aŭ ian alian signon) por montri, ke ne unu birdo sed birdoj flugas, ke ne unu sed kelkaj deprenis ĉapelon — kio do devigas nin aldonadi « j » en « bonaj » kaj « jn » en « bonajn »? Ĉu « bona patroj » ne estas pli forte gramatike kunligita ol « birdoj flugas », el kiuj ja unu vorto estas subjekto kaj la dua predikato, dume « bona » estas simpla apozicio al « patro »?

Oni eble respondos, ke tia estas la regulo en latina kaj multaj vivaj lingvoj — sed la samaj lingvoj postulas ankaŭ apartajn finiĝojn por ĉiu persono kaj ambaŭ nombroj de verbo kaj tamen ni ne imitas ilin en tiu direkto, ĉar en la gramatiko de internacia arta lingvo la facileco kaj simpleco nepre devas superregi la pli internaciajn sed superfluajn formojn. Mi diris, ke la reguloj de vivaj lingvoj plej ofte postulas akordigon de adjektivo (participo k. c.) kun substantivo — sed ni vidas ja, ke la angla jam liberigis sin de tiu balasto. Ĉu kelkaj dekmiloj da esperantistoj nepre devas diradi: « la bonaj patroj » anstataŭ « la bona patroj » dum por multaj milionoj da Angloj kaj angle parolantoj sufiĉas: « the good fathers » anstataŭ: « the goods fathers »? Certe ne, des pli, ke la angla lingvo ne estas izolita en tiu rilato; eĉ slavaj lingvoj, havantaj grandegan nombron da diversaj finiĝoj, uzas en kelkaj okazoj (ne tiom senescepte kiel en angla) la saman formon por unu- kaj multe-nombro, ekz. pole (aŭ pli vere polone): « wielkie miasto » (granda urbo) « wielkie miasta » (grandaj urboj), tamen neniu Polono dubas, ke en la dua frazo oni parolas pri kelkaj grandaj urboj kvankam la adjektivo « wielkie » estas samforma kiel en la unua.

Tie ĉi mi rememorigas ankaŭ, ke per forlaso de deklinacio de l' adjektivoj ni gajnos la maloftigon de finiĝo « vokalo + j », kion certe neniu bedaŭros.

D^ro Zamenhof mem konvinkiĝis, ke la plimulto da samideanoj deziras la forigon de tro oftaj: « an, aj, uj, ajn, ujn » kaj li nomis tiujn dezirojn « pravaj ». Kiel novan regulon li do proponis: forlasi ilin ĉiam, kiam sekvas substantivo, ekz.: Mi rakontos al vi nova tre interesa historio. — Mi venos kun ĉiu mia bona infanoj. — Donu al mi tiu via bela librojn. — Mi amas la honesta homojn. — Mi amas la honestajn.

Aha! — oni diros — vi vidas nun, ke D^ro Zamenhof eĉ dum reformema periodo (tiam la fundamento ankoraŭ ne estis libro sanktigita) uzis adjektivon en multe-nombro: « mi amas la honestajn », ĉar ĝi ne estis akompanita de substantivo! Jes, sed en tiu okazo la vorto « honestajn » havas nur la formon de adjektivo, dum efektive ĝi anstataŭas substantivon (honestajn homojn, virojn, virinojn k. t. p.). Se mi diras: « En la urbo estas riĉaj kaj malriĉaj » mi diras nenion alian ol: « En la urbo estas riĉuloj kaj malriĉuloj » — do izolita adjektivo aŭ participo anstataŭantaj substantivojn, ĝuste pro tio devas havi la saman formon kiel substantivo. La Deleg. Kom. proponas nun (pro kaŭzoj poste klarigotaj) « -i » kiel finiĝon de multenombro por substantivoj ekz. centimo, centimi, libro, libri. Se do adjektivo estas izolita (sed nur en tiu ĉi okazo!) ĝi ricevos same la finiĝon « -i », ekz.: « la richi ed la malrichi, la avari malofte donacas mono ».

Restas ankoraŭ okazoj, kiam la adjektivo ne staras izolita sed kontraŭe kiam ĝi akompanas du (aŭ pli) substantivojn. Kiel ekzemplon mi citas la frazon: Mi havas panon kaj lakton freŝajn », en kiu la formo « freŝajn » montras, ke pano kaj lakto (ne nur la lasta) estas freŝaj. La naturaj lingvoj en tia okazo metas duoble la adjektivon: mi havas freŝan panon kaj freŝan lakton. Kelkaj el ĉi tiuj lingvoj (kvankam posedantaj multenombran formon por adjektivoj) estas devigataj tiele agi pro tio, ke ili diferencigas ĉe la adjektivoj ankaŭ la gramatikalan sekson, ekz. germane: Ich habe frisches Brod und frische Milch. Tiu ĉi maniero estas certe la plej klara kaj pro tio en internacia lingvo plej rekomendinda. Cetere nenio malpermesas aldoni la pluralan finiĝon « i » kaj diri: me havas pano e lakto freshai.

STANISLAV SCHELS,
E. 3747.

---

## DOKUMENTOJ.

La revuo « Dana Esperantisto » reproduktas la artikolon de S^ro Otto Liesche enlogikitan en nia antaŭa numero kaj tiele konkludas:

Tiu lojala artikolo de nia tiom ŝatata samideano D^ro Liesche certe faros bonan impreson en la diverslanda Esperantistaro per sia modereco kaj absoluta senpartieco.

Devus esti la deziro de ĉiu Esperantisto ke la intencite reorganiziĝonta Lingva Komitato senantaŭjuĝe esploru la proponitajn ŝanĝojn en Esperanto.

Ni ne devas forgesi, ke ne estas nia *sola* devo konservi la kontinuecon de nia lingvo, ni ankaŭ devas pensi al la necesa evolucio.

La malfacilaĵo estas unuigi ĉi tiujn du egale gravajn principojn, tamen estas nia konvinko ke bona rezultato estos la frukto de paca kaj serioza pritraktado de l' afero en la samideanaro kaj precipe en ĝia supera aŭtoritato.

El « Dana Esperantisto »:

**Parolado pri la Internacia Lingvo de Prof. Jespersen.**

En la granda kunveno de la dana poŝta oficistaro en Kopenhago 18. — 20. Junio Prof. D^ro Otto Jespersen faris paroladon pri la Lingvo Internacia, t. e. pri Esperanto kaj ĝia rilato al la de la delegitaro proponitaj ŝanĝoj de nia lingvo. La granda intereso, kiun ĉi tiu parolado renkontis ĉie, kaj la diskutado, kiun ĝi kaŭzis — ne plej malmulte en la gazetaro — montras klare la ĝojigan progreson kiun la demando pri la internacia helpa lingvo faris en nia lando dum la lasta epoko. La parolado ĉefe ripetis la opiniojn kiujn Prof. Jespersen montris ĉe la kunveno en « City » la 23 Februaro (vidu « D. E. » Jan. — Febr.); la parolinto ne kaŝis ke la ŝanĝoj proponitaj de la delegitaro ne ankoraŭ ĉiel estas tute perfektaj, sed li aldonis ke oni daŭrigos la laboron laŭ la jam indikita vojo, direktante al la fina celo: la lingvo kiu estas la plej facila por la plej granda nombro da homoj.

***

Espereble la energia, duobla laboro por Esperanto en ĝia ortodoksa kaj en ĝia « reformita » formo baldaŭ kondukos al kompromizo koncerne la definitivan formon de la Lingvo Internacia, — tiom pli ĉar multaj Esperantistoj jam de longe klare vidas la dezirindecon de kelkaj reformoj.



**Al la legantoj de la jurnalo « Lingvo Internacia ».**

Mi petas ke la abonantoj de L. I. kiuj legos tion ĉi, bonvolu skribi al la redakcio de nia centra organo por ke ĝi presigu, kiel leĝo kaj kutimo estas, la respondojn de la personoj nomitaj aŭ atakitaj de la revuo. La jurnalo L. I. entreprenis *resumi* la leterojn ricevitajn anstataŭ publikigi la tekston. Diru ke vi ne estas infanoj kaj ke vi mem preferas juĝi proceson kun la dokumentaro ol kun parafrazo venke farita de la redakcio.

Aŭdas nur unu sonoron, kiu aŭdas nur unu sonorilon.

MICHAUX.

Ĉu estas kredebla ke tiun peton ni devas akcepti, ĉar L. I. obstine silentiĝas?

---

Kelkaj fundamentistoj disvastigas ke niaj Anglaj amikoj neniam akceptis plibonigon de la lingvo. Multajn leterojn ni ricevis pri tio; tiu ĉi montras klare ke la angloj ne ĉiuj estas fundamentistoj.

Birmingham, 7^a Julio 1908.

ESTIMATA SINJORO,

Pensante ke vi trovos la sekvantajn decidojn de nia klubo interesiva kaj ke forsan vi povos ilin publikigi, mi sendas ilin al vi nun, ĉar la sekretarioj ne povos dissendi la cirkulerajn leterojn ĝis la plej proksima semajno.

La unua oni aprobis unuanime, kaj la kunveno estis speciale kunvokita por diskuti la aferon kaj okazis Julio 3^a, 08.

« *La Birmingham kaj Mezlanda Esperantista Klubo* kredas ke estas necesa:

1) La fondo de Internacia Akademio, kiu estos elektita de la tuta Esperantistaro kaj kiu havos plenan kaj finan aŭtoritaton pri ĉiuj lingvaj demandoj.

2) Ke tiu ĉi Akademio devas kiel eble plej baldaŭ, plene kaj zorge ekzameni la demandon pri reformoj en la lingvo ».

Kaj la dua:

« La Klubo, kvankam ĝi plene konsentas ke unueco en la Esperantistaro estas dezirinda, samtempe kredas ke kelkaj reformoj estas necesaj, principe:

1) La forigo de la supersignitaj literoj por ke la jurnaloj kaj ne-Esperantaj gazetoj k. c. povu uzi la lingvon libere kaj tiamaniere ĝin pli vaste konatigi.

2) La starigo de Reguloj pri Devenado por igi la lingvon pli logika kaj regula.

3) La enkonduko de kelkaj ŝanĝoj en la Gramatiko kiuj « prezentos grandan faciligon por la lingvo » kiel D^ro Zamenhof mem elmontris en 1894.

Plie, pro tio ke la starigo de Akademio okupus almenaŭ multajn monatojn eble eĉ jarojn, kaj ke la nuna necerteco kaj hezitado grave malhelpas la propagandon kaj disvastigadon de Esperanto; tial, la Klubo respektplene petas ke D^ro Zamenhof kaj liaj kolegoj kiel eble plej baldaŭ enkonduku la plej gravajn plibonigojn, kredante ke tiel ili garantios plej bone la unuecon kaj progresadon de la lingvo ».

Permesu al mi gratuli vin pro viaj instruktivaj artikoloj.

Tre sincere via
HOWARD. C. WHITE,
(*Vicprezidanto. B. M. E. Klubo*).

---

## KONFERENCO PRI BIBLIOGRAFIO.

Dum Julia monato okazis en Bruselo konferenco pri bibliografio. La 11^an de Julio, en Hôtel Métropole la partoprenantoj festenis sub prezido de generalo Sebert.

Nia samideano, D^ro Hanauer, el Frankfurt, proponis ke la ĉeestantoj aklamu la nomon de D^ro Zamenhof; li tiel parolis:

Tre estimataj kunlaborintoj, kunlaborantoj kaj kunlaborontoj. Kiel vi certe aŭdas, mi parolas al vi en la lingvo = *089.2*. Mi deziras atentigi vin al vorto, kiun diris al mi unu el miaj afablaj najbaroj: li parolis pri *78* « : *13* » (estonteca muziko « Zukunfts Musik »). Tamen vi ĉiuj scias, ke la vorto baldaŭ post ĝia apero perdis tute ĝian sencon: ĉar hodiaŭ la verkoj de Richard Wagner estas vere popularaj, vere estanteca muziko. La viroj, kiuj volas enkonduki en la sciencon la decimalan sistemon laŭ Dewey, prezentas novan metodon de laboro, dum ni, la amikoj de internacia helpa lingvo, donas novan instrumenton al ĉiu, al la scienco kiel al la « ĉiutaga vivo ».

Ĉar ambaŭ novemuloj per sia metodoj ŝparas energion, ili povas esti certaj pri sia venko. Mi petas vin, ke vi bonvolu elparoli kun mi la deziron por la verko kaj la sano de la eltrovinto de Esperanto, kies modesteco povas esti metata egala nur al la kreinto, al la prezidantoj kaj al la sekretarioj de l' internacia bibliografia instituto, de doktoro Zamenhof, kiu okaze de sia vizito donis al la instituto la nomon: « cerbo de l' mondo ».

Klarigo de la ciferaj esprimoj, el la decimala sistemo:

*7* arto.
*78* Muziko.

---

« : » Tempo ĝenerale.
« : *1* » estanteco, estinteco, estonteco, (kune).
« : *13* » estonteco.

---

= signifas specialan fakon de lingvo.
= *08* diversaj specoj de lingvoj.
= *08.9* artefaritaj lingvoj.
= *089.1* Volapuk.
= *089.2* Esperanto.

# SUPRENIRO AL VESUVO.

Laŭ rakonto de Sro Albert Flament.

Okazis en oktobra monato, dum diafana tago; la golfo ŝajnis tute sinbani en lazuroj, lazuroj de l' ĉielo kaj de l' maro: la maro, malhela kiel veluro, la ĉielo flua kiel silko.

La marbordo de Portici ĝis Sorrente estas kovrita per vinberoj, bluaj konvolvuloj kaj oranĝarboj; ĉia domo, ĉia « pergola », ĉia vinberlaŭbo montras berarojn aŭ florkalikojn miksitajn kun foliaĵoj. De tio la aero fariĝas dolĉa, ebrianta, rava.

Belaj infanoj, senvestigitaj, similaj al vivantaj bronzaĵoj kies ora glataĵo fluidiĝus, kuras sur la sablo de l' vojoj; virinoj kies gorĝo kaj nuko aperas en eltranĉo kaj kolo de la korsaĵoj; junaj viroj krurnude portantaj korbojn sur kapo; maljunuloj kun longaj haroj kaj hejtigita vizaĝo sin profilas sur malstukitaj kaj kalkpentritaj muroj, kies okraj, bluaj kaj safranaj nuancoj, bruligitaj de flama lumo, duone forigitaj, ŝajnas paliĝi dum trairo de ilia ombro.

Urbo Pompei estas dezerta; nenia vizitanto hodiaŭ trapasas la kapricajn stratojn; filineto akompanas nin, saltanta sur ŝtonoj kiel kato, bukedo da rozaj geranioj loĝita en malfermo de la ĉemizeto; la odoraj folioj ŝajnas elspiri la volupteman animon de la ruinoj je kontakto de la brulanta haŭto.

En stadio ĉirkaŭita de kolonoj, malgranda faŭno ĝoje saltetas sur kolontrunko kaj trans la deterigita urbo, Vesuvo fumas, malrapide, tiel ĝi elspirus al la ĉielo ĝian gracian koloneton de vaporo.

Kaj ni revadas pri la antikvaj tagoj, akompanitaj de la filineto kaj de ŝia varmeta odoro de orienta folio; ŝiaj nudaj piedoj produktas sur tero, sufokitan sonon bone difinitan por akompani tion, kion ni plaĉe sentas tra la morta urbo tiel dolĉe ekflamigita de Afrika bloveto, purigita de la maro. Pino metas ĝian malhelan ombrelon sur tiu pentraĵo kiu ŝajnas, pro tia pureco kaj tia varmeco, preta vaporigi kaj kvazaŭ solviĝi kun tiu gracia fumo, kiu tien glitiĝas en etero.

Subite, kvankam tio ne estas en la programo de la ekskurso kaj kvankam la tria horo posttagmeze sonoris, ni decidis supreurampi la vulkanon. Ni returnen iras al la hotelo kaj ekveturas; la ĉevaloj ekgalopas al Torre-Annunziata, ekscititaj de la veturigisto kiu vipas iliajn orelojn.

Ni kuras.

La vinberoj, la kampoj de maizo, la pipra odoro de la tero, la beroj de ruĝa pimento pendigitaj sub la fenestroj kaj la bukedo de rozaj geranioj, kiu ni, forirante, prenis de la fraŭlineto, envolvas tiun kuradon de ĉarma sento.

***

En Torre-Annunziata, ĉe la funda flanko de freŝa korto ĉirkaŭita de vinberlaŭboj ni haltigas, dum iaj homoj rapidas en la ĉirkaŭaĵo varbi ĉevalojn por ni. Juna patrino sidita sub arkaĵo de vinberujoj mamenutras nudan knabeton. Ŝi ŝajnas esti ia Virgulino de Rafaelo kuprumita de la Egipta suno. Servistino prezentas al ni vinon de Vesuvo, klaran vinon kiu raspas la palaton. Fontano kantas en marmora vazo kaj sur vinberujo, perlamotaj kolomboj murmurete pepas.....

Ferbrue sur la dekliva vojeto, la ĉevaloj estas alkondukitaj al ni, nervemaj, kutimigitaj al suprenrampo kaj suprenportas nin per malmola troto al rando de vojoj borderitaj de branĉobariloj kaj poste al la flanko mem de la vulkano, ĉirkaŭ la disfalaĵoj de lafo.

Kelkaj verdaj kreskaĵoj sinmontras ankoraŭ tra la ruboj kaj la ŝtoneĵoj, sed baldaŭ ni troviĝas kurantaj kaj saltantaj intermeze de kruta kampo kiu etendiĝas ĝis vidlimo, tranĉita de grandaj blokoj elfalitaj.

Niaj kondukistoj kuraĝigas la bestojn per akrasonaj krioj, blasfemoj, alvokoj kiuj ŝiras la serenecon de l' tago tiel la sibloj de iliaj vipetoj.

— Nu! « Korporalo! »

Ha! tiu « Korporalo » kiu faletas, genufleksas sur la lafoj, releviĝas, foriras, kapricema, obstina, kiu, jen per travojeto trorapidas por akceli la monteton, malsupreniirante, jen kiu ne plu volas antaŭeniri, tiu « Korporalo » kiun mi spronumas, kiun mi sible vipas, kiu iafoje estas antaŭ nia malgranda karavano, aliafoje honte malantaŭe, kian bonan impreson pri ĝia sovaĝa kaj nedisciplina spirito mi memoras!

Ĉe nia dekstra flanko, la vilaĝoj kaj la urbetoj kiuj staras laŭlonge la golfo, malaperis. La flanko de la vulkano fariĝas pli kruta, pli malfacile rampebla; la ĉevaloj kovritaj per ŝvito, enflaras brue la aeron; baldaŭ ni devas haltiĝi, forlasi la ĉevalojn kaj komisii ilin al unu el niaj gvidistoj, dum ni suprenrampas la nigran monton, akompanitaj de du aliaj gvidistoj kiuj antaŭeniras.

Tiun vojiron malofte sekvas la vojaĝantoj. Ili pliamas la « funikularo »; je tiu ĉi flanko la deklivo de la supera konuso estas multe pli kruta ol tiu, kiu oni vidas de Napolo. Ni eksentas, de la profundaĵo de la tero, la unuajn mallaŭtajn bruojn, tiel malproksimajn tondrojn kaj akra odoro de sulfuro subpremas la gorĝon.

Malantaŭe de ni estas la malplenaĵo, la sesa horo vespere alproksimiĝas, la senlima horizonto de la maro aperas transen Kapri (Capri) kaj Iskia (Ischia) kiuj, kiel du siditaj ruĝbestoj, gardas la eniron de la golfo.

La ekfiniĝanta tago, nia akcelo, la spireganta kaj laciga kuro, la kapturno kiu iafoje paralizas nin, la penado de la gvidistoj kiuj suprentiras nin per ledaj rimenoj, la tero kiu fumiĝas tra kelkaj fendoj, la akra malsekeco de l' atmosfero, la sulfuraj vaporoj kaj la terbruoj pli kaj pli fortaj, ĉio celas doni al tiu fino de supreniro apartan kaj febran ĉarmon.

Fine, la koro batanta, ni trafas la supron.

Solaj ni estas.

La karavanoj, kiujn la funikularo elverŝas, okupas la supron de la Vesuvo kaj lasas ĝin je difinitaj horoj. La suprenirantoj kliniĝas tien, tiel ŝafaro, kubuto kubute kaj, laŭ signalo, foriras, malsupreniras al la maŝino, aŭtomate obeemaj, nekortuŝitaj....

Ĉe la supro de la Vesuvo solaj ni estis, la suno kuŝiĝis dum unu el tiuj vesperoj de la komenco de oktobro kiun tute necesa estas travivi en sudo de Italujo por imagi de tio la melankolian kaj volupteman belecon!



La vasta cirko de la kratero, la terbruoj, la brulodoro de la sulfuro, la ĉirkaŭa senfinaĵo, la lafa krusto, kiu antaŭenstaras super la nigra profundegaĵo kiel preta por tien renversiĝi kaj tiu finiĝo de posttagmezo, donis ian el la plej fortaj sentoj, kiujn la vojaĝoj povas naski.

Ia mateno, tagiĝe, de la pinto de la Blanka Monto, transen la dezertaj stepoj kaj el la nokta mallumo kiu kovrigis ankoraŭ la teron de siaj funebraj vualoj, mi vidis sin levi la sunon..... Sed mi opinias ke tiu subiro, rigardita de la supro de la Vesuvo, en tiu neskribebla kaj senfina bluo, kun la Tibera ŝtonego jam nigrigita al niaj piedoj, kiam ni estis ricevantaj la lastan rebrilon de la suna disko radianta al la Okcidento, en la dubviolaj vualoj de la maro, certe lasis al mi impreson la plej viveman en memoro.

Je la pinto de la Blanka Monto, sur eterna neĝo, nova tago kiu naskiĝis ŝajnis la unua, je la tagiĝo de la kreado; nenio venis rememorigi al niaj sentoj ke la mondo ekzistis..... Tie ĉi, kontraŭe, tiu subiro ŝajnis al ni la lastan kiun ni neniam povus revidi; kun ĝi malaperis en morto la jarcentoj kies postsignoj kaj memoro rakontis la trairon, — de la barko de Kaligulo (Caligula) ornamita de muzikantoj kaj diinoj de Bakhuso (Bacchus) ĝis la ŝipo de Nelsono, kun la velstangoj ŝargitaj de penditoj kies vido ebriigis Sinjorinon (lady) Hamilton.

Kaj ventre rampataj inter la lafoj, ni kliniĝis al la profundegaĵo, al la kratero plena de nokto. Post du cent metroj, la kavaĵo marmorigis subite kvazaŭ ruĝa retaĵo ekflamiĝis, ekbolis kaj spruĉigis ĝis ni, en frakaso pligrandigita de la eĥoj de la timiginda kuvo, fontanon de vaporo, de fumo kaj de bruligantaj ŝtonoj. Poste la vundego fermiĝis, la kratero fariĝis malluma ĝis nova spasmo malkvietigos ĝin, ruĝigos kaj plenigos ĝin je tumulto kaj lafo.

***

Kiom da tempo ni tien restis, kuŝitaj, rigardantaj la pulsobatojn de la vulkano, observantaj la kruelegajn skuojn kiuj ŝiris ĝin? Mi ne scias. La gvidistoj, iam de kelka tempo, petis nin ke ni foriru, kiam ni forlasis la spektaklon.

La vespero estis alvenita. Tie malproksima, dekstre, Napolo estis lumiĝita, tiel kuŝita longe la dubviola maro, kiel serpenta ĉirkaŭkolo de lumetoj.

Je la mara horizonto, la ĉielo kaj la akvo konfuziĝis en unutona verda dubombro. La lumtago kiu ankoraŭ fluis en aero ŝajnis eliĝi el golfo. La luno jam leviĝita, plenronda sur la ĉielo, antaŭensaltis al la malluma zenito kvazaŭ arĝenta disko fortejetita en la senlimo.

La glitado al loko kie ni estis forlasintaj la ĉevalojn estis neskribebla, la nokto kaŝis la danĝeron kaj de tio, niaj kondukistoj timiĝis pli ol ni.

Ni denove rajdis. La gvidistoj ekfajris rezinajn torĉojn kaj antaŭeniris. La ĉevaloj kies saltantaj ombroj plilongiĝis antaŭ ni, sen sanĉeligo almetis iliajn hufojn sur la konsumita tero, iafoje glitis, kvazaŭ ili ruliĝus ĝis la malsupro de la deklivo al kiu brue celis ĉiuj ŝtonetoj kiujn nia kuro disigis.

Napolo, treme brilanta, malaperis malantaŭe kahutoj. Ni alproksimiĝis kaj miksitaj al la odoroj de sulfuro kaj lavoj, tra la fumo de la torĉoj, unuaj fluodoroj de la fruktoĝardenoj kaj de la vinberujoj alvenis ĝis ni.

...... La veturilo, kiu rekondukis nin al Napolo, trapasis la urbetojn lumigitajn de la luno. La hufoj de la ĉevaloj sonigis ĝoje la ŝtonplatojn kaj altiris sur la pordsojlo virinojn jam pretajn por dormado. Sub la vinberlaŭboj, la geamantoj mallaŭte interparolis; tra la larĝaj, senmovaj folioj, radio lumigis nukon, manon,..... Homoformoj sin etendis laŭ la randaĵo mem de la vojo, tie kuŝigitaj por pasigi la varmajn horojn de la nokto. La ĉambretoj, lumigitaj per lampoj kaj kandeloj, montris, preskaŭ ĉie, ian statueton de Virgulino aŭ de sanktulo drapitan per belaj pentritaj vestoj, meze paperaj floroj kaj origitaj foliaĵoj.

Tra la malfermitaj pordoj, en mallumo de la ĉambroj, steleto de noktolampo tremadis ĉe la piedoj de la Dipatrino.

Kaj la kvieteco de tiu Napola vespero, sub la eterna minaco de la vulkano; la konfido de tiu amema popolo, lacigita de varmo kiu ekdormiĝis sentime, kun larĝe malfermitaj fenestroj, sub protekto de siaj sanktaj statuetoj, rideto sur lipoj, inter la musko-rozoj, lumigita de flamo de noktolampo; la sereneco de tiu vespero de la Napola Golfo, havis ion belegan kaj maltrankvilan, precipe submetiĝitan, pri kiu ni estis impresitaj, konfuze, mistere.

*Tradukis* Jos. Jamin.

## Karloreĝa Grupo Esperantista.

La grupo elektis kelkajn novajn komitatanoj:

*Prezidanto:* Sro L. Delvaux, 31, rue de l'Athénée.
*Sekretario:* Sro Wagner, Bd Pierre Mayence.
*Kasisto* (nova): Sro Lefebvre, 39 quai de Brabant.
*Komisaro* (nova): Sro Couson, Bd Pierre Mayence.

## Ilustrita Revuo TRA LA MONDO.

JULIO.

Ĝenerala plano kaj enhavo.

**Tra la Mondo:** Bruĝo la vivanto, de *Lro Van Weyenbergh* (Flandro). Mektub, el la alĝeria virina vivado, de *A. Baissac* (Alĝerio).

**Diversaj Sciencoj:** Senfadena telefonio. La fotografado reliefa de *Marcel Finot* (Francujo). La skota lingvo kaj Esperanto de *James Malloch* (Skotlando).

**Diversajoj:** Vojaĝo en Kaŝmirujo, de Kolonelo *H. H. Hart* (Anglujo).

**Ĉiulanda Literaturo:** Richard Jefferies, de *J. C. Snappe*, kun eltiraĵo de « La Hejmo de l' Ĉasgardisto » de *R. Jefferies* (Anglujo).

**Militistaro kaj Maristaro:** La Sieĝo de Zaragoza (Hispanujo), laŭ *Generalo Marbot*, tradukita de *Kno Capé*.

**Teatrajo:** Edziĝa propono, de *A. Ĉehov* kaj *R. Frenkel* (Rusujo).

**Nuntempajoj:** La kongreso de l' Arto ĉe la Lernejo, de *S. Durieux*.

**Miksajoj:** Internaciaj enketoj, de Soj *Rollet de l'Isle* kaj *Durieux* (Francujo), *R. Frenkel* (Siberujo),

## BIBLIOGRAFIO.

Ĉe *Librejo Hachette kaj K^io.*
*79, Bd St Germain, Paris.*

**Ifigenio en Taŭrido**, dramo en kvin aktoj de Goethe, el germana lingvo tradukis Dro L. L. Zamenhof.
. . . . . . . . . . . . . . . . Sm. 0.80 fr. 2.00

**La Kvar Evangelioj**, kunigitaj en unu rakonto tradukis pastro R. Laisney.
. . . . . . . . . . . . . . . . Sm. 0.60 fr. 1.50

**Makbeto** de Shakespeare tradukita de D. H. Lambert, B. A. (Oxford).
. . . . . . . . . . . . . . . . Sm. 0.80 Fr. 2.00

**Bukedo** de Charles Lambert, profesoro en la Universitato de Dijon.
. . . . . . . . . . . . . . . . Sm. 1.00 fr. 2.50

Ĉe *Presej S. Martino,*
*Sainte Radegonde (Indre et Loire) France.*

**Internaciismo kaj Pacifismo** de J. Duroux, tradukis Ary-Bourg.
. . . . . . . . . . . . . . . . Sm. 0.10 fr. 0.25

Ĉe *A. Besnard, eldonisto,*
*26, rue Antoinette, Paris.*

**Cifera Muziko** per Esperanto de E. Robert.
. . . . . . . . . . . . . . . . Sm. 0.04 fr. 0.10

Ĉe *Institut International de Bibliographie.*
*Bruxelles, 1, rue du Musée.*
*Paris, 44, rue de Rennes.*
*Zurich, 49, Hofstrasse.*

**Manuel du Répertoire bibliographique Universel.**
Extraits limités aux parties plus spécialement applicables à la bibliographie de la langue auxiliaire internationale Esperanto.
Prezo nemontrita.

Ĉe *Esperanto Verlag Möller & Borel,*
*Prinzenstrasse, 95, Berlin, S.*

**Sub la neĝo**, taglibro de juna loĝanto de la Jura montaro, de J. J. Porchat, esperantigis J. Borel.
. . . . . . . . . . . . . . . . Sm. 0.50 Mk. 1.00

Ĉe *Anton Waltisbühl,*
*46 Bahnhofstrasse*
*Zürich.*

**Kompleta Lernolibro** de la Linguo Internaciona di la Delegitaro por Esperantistoj de Anton Waltisbühl.
. . . . . . . . . . . . . . . . Sm. 0.50 Mk. 1.00

Ĉe *Presa Esperantista Societo,*
*33, rue Lacépède, Paris.*

**La Reĝlando de l' Rozoj** de Arsène Houssaye, esperantigis Paul Champion . . . . . . . . . . . Sm. 0.20 fr. 0.50

Ĉe *la Asocio « Paco-Libereco »,*
*45, rue de Saintonge, Paris.*

**Poŝtkartoj** ilustritoj de L. Rodo, Grandjouan, Malteste, Willaume, Bern-Klene, Hermann-Paul.
Ses kartoj . . . . . . . . . . . Sm. 0.20 fr. 0.50

Ĉe *« Pola Esperantisto »,*
*Marszalkowska, 143, Varsovie.*

**La juĝo de Oziris**, de Henrik Sienkiewicz, esperantigis, A. Grabowski . . . . . . . . . . . Sm. 0.20 Kp. 20

Ĉe *Holanda Esperanta Oficejo*
*Singel 386*
*Amsterdam.*

**Esperanto Sleutel** samengesteld naar de « Esperanto Key » door H. Blok.
Prijs 12 stuks : Sm. 0.15 Fl. 0.30

## PROGRESO

Oficiala organo di la Delegitaro por adopto di Linguo helpanta internaciona
E DI SA KOMITATO
konsakrata ad la propagado, libera diskutado e konstanta perfektigado di la
LINGUO INTERNACIA
*(Aparos la 1-esma di omna monato, en kayero de 32 pagini adminime).*

Abono por un yaro **5 fr.** | Abono por sis monati **2.50**
Preco di un numero **0.50**

Omna letri devas esar sendata a l' administranto Sro L. Couturat 7, rue Nicole, Paris. 5me.

La aboni esas ricevata: 1e da l' administranto; 2e da Sro Guilbert Pitman, 85, Fleet street London, E. C.; 3e da Sro Ant. Waltisbühl, 46, Bahnofstrasse, Zürich, Suiso; 4e da la Dana Esperantista Oficejo, Osterbrogade 54 B. 4, Kjöbenhavn, Danio.

## E. S.

*Librairie Ch. Delagrave,*
*15, rue Soufflot, Paris.*

**Dictionnaire international-français** par L. de Beaufront et L. Couturat, avec une préface de Mr Otto Jespersen.
Broché . . . . . . . . . . . . . . . . fr. 2.50

*Franckh'sche Verlagshandlung,*
*Pfizerstrasse 5, Stuttgard.*

**International-Deutsches Wörtenbuch** von L. de Beaufront und Dr L. Couturat, unter Mitarbeit von R. Thomann; mit Vorwort von Prof. Otto Jespersen.
Geh. . . . Mk 2.00 gebunden . . . Mk 20

**Deutsch-internationales Wörtenbuch** ähnlich dem vorigen; geh. Mk 2.00 . . . . . . . . . . . gebunden M. 2.60

**Germana guidlibreto**, 24-seitage Broschüre.
Jedes Exemplar: 15 pf; 100 Ex.: Mk 6.50.

*Drukkerij « Luctor et Emergo »,*
*Den Haag (Holland).*

**Holanda Guidlibreto** di la linguo internaciona di la Delegitaro, bewerkt door A. den Hengst.
. . . . . . . . . . . . . . . . . . Fl. 0.10

*Imprimerie Chaix,*
*11, Boulevard St Michel, Paris.*

**Franca Guidlibreto** (E. S.) de MM. Leau et Couturat.
. . . . . . . . 10 ekzempleroj . . . Sm. 0.40 fr. 1.00

## Solvoj de la Problemoj.

**Problemo 19a.** La kvar peziloj estas 1, 3, 9 kaj 27 kilogramoj; la komercisto uzas ambaŭ pletojn de la pesilo. Ekzemple:

27 — (9 + 3) = 15
(27 + 3 + 1) — 9 = 22 k. t. p.

**Problemo 20a.** Unu melono kostas 24 spesdekojn.
Sep kukurboj kostas 8 spesdekojn.

La vendistoj havis respektive 2, 4, 6 melonojn kaj 98, 56, 14 kukurbojn.

**Problemo 21a.**

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| G | A | N | G | L | I | A |
| B | R | A | V | U | L | O |
| G | R | A | C | I | A | J |
| M | A | L | V | O | L | O |
| P | L | O | R | U | L | O |
| P | L | A | S | T | R | I |
| O | B | J | E | K | T | O |

**Divenis.** — Tutnetaŭgis, ĉiuj; Meksika lernanto 21; Fraŭlino A. S. 19 kaj 21; la Maskito 19 kaj 20; Kamparano 20.

**Premioj.** — Grafo B. ricevos « La Rabistoj » de Schiller, traduko de Dro Zamenhof. Tutnetaŭgis ricevos « La Faraono » de B. Prus, traduko de Dro Zamenhof.